




6/2004
Oktobro/Novembro

# Solena honorigo




La 16an de Septembro 2004 la membrokunveno de Hamburga Esperanto-Societo decidis distingi *d-ron Werner Bormann* kaj *Elsbeth Wielgus* per la titolo Honora Membro.

La eksterordinara membrokunveno estis kunvokita por decidi pri honora membreco.




*Jürgen Wulff* mallonge prezentis la meritojn de la kandidatoj, pro kio la estraro proponis la honorigeon, *Vesna Stanicic-Burchards* kaj *Benno Klehr* (ne tro serioze) rakontis pri propraj travivaĵoj kun *Werner* kaj *Elsbeth*. En voĉdonado la membrokunveno unuanime akceptis la proponon. La estraro transdonis florojn kaj honordokumentojn, preparitaj de *Benno Klehr* kaj *Volker Kraeft*.




*Werner* kaj *Elsbeth* dankis pro la honorigo en mallongaj paroladoj. La klubo regalis la ĉeestantojn per ŝaŭmvino kaj bongustaj kanapoj de *Mariko Aoŝima* kaj *Sylwia Pöhlmann*.



Inter la unuopaj punktoj de la tagordo la pianisto *Marcus Pengel* ludis trankvilan muzikon, kiu alportis festan etoson.

Fotoj: *Volker Kraeft*

**Editoraĵoj**
Eldonanto: *Hamburga Esperanto-Societo r. a.*
Klaus-Groth-Str. 95, D-20535 Hamburg
Tel/Faks: +49 40 250 30 65

Prezidanto: *Jürgen Wulff*

Konstanta redaktoro: *Benno Klehr*

Retpoŝto: Esperanto-Hamburg

**Karaj legantoj,**
la lastaj monatoj estis tre ekscitigaj por ni. La vicprezidanto malsaniĝis dum monatoj, mankis helpantoj por la foiro kaj ni estis preparantaj la honorigon de Elsbeth kaj Werner. Kostis sufiĉe da tempo kaj energio al mi kaj la aliaj estraranoj kaj helpantoj. Sed tiel estas en Esperantujo: multe da laboro sed ankaŭ belegaj momentoj kiel tiu solena festo por niaj novaj honoraj membroj. Gratulon al ili, sed ankaŭ al ni.

*Jürgen Wulff*

Redaktofino de




## Zamenhoffesto

En la kadro de la Hamburga Vintro la Zamenhoffesto 2004 okazos kune kun niaj internaciaj gastoj la 4an de

n-ro 1/2005: 15-11-2004

**Sentenco**

Malrapidecon
netimu,
sed timu
senmovecon.

el Ĉinio

Decembro ek de la 19a horo. Kiel ĉiujare en la programo estos menuo, festprelego kaj distraĵoj.
Prezo: € 10,--. Por tiuj kiuj partoprenas la Hamburgan Vintron (HoVi) la Zamenhoffesto estas jam pagita per la kotizo.
Bonvolu anonciĝi ĉe mi antaŭ la 20a de Novembro aŭ ĉe deĵoranto en la klubejo.

*Benno Klehr*

---

**Du und Deine Welt**

Ankaŭ ĉi-jare ni denove partoprenis en la foiro "Du und Deine Welt" (27.8. - 5.9.2004) kun Esperanto-stando dum 10 tagoj. Estis aparte malfacile trovi homojn por de□i sed ni sukcesis tamen. Ralph ne nur kantis en Esperanto dum kvin tagoj sur la scenejo en halo 11 sed ankaŭ estis sur la stando. Helpis ankaŭ denove du junuloj de Germana Esperanto-Junularo. Tiel eblis al ni informi kaj inviti al la provleciono - la bazo de Esperanto-kurso kaj de novaj membroj. Al ĉiuj helpantoj ni multe dankas kaj esperas ke venontjare pli da homoj pretas helpi - alikaze ni ne plu povos prezenti nin.




*Rralph Glomp* sur la scenejo

---

### Provleciono kaj komencanta kurso

Por la "Schnupperkurs" la 11a de septembro venis 9 homoj. *Benno Klehr* kaj *Kerstin Baasch* prezentis, *Peggy Ley* kiel kursgvidanto ĉeestis. La komencanta kurso komenciĝis la 18an de septembro kun 7 gelernantoj.

---

**Anonco**

---

**PIULINO kaj HESIDO**

Saluton, jen de nove NI!

Dank' al Elsbeth kaj Werner, ni finfine ricevis niajn nomojn.




Okaze de nia centjara jubileo ni pensas

ke ni devas revoki nin en vian memoron.




Do ankaŭ de nia flanko: Korgratulon je via centjara jubileo.







Ni nun elkore dankas la organizintajn pro la bela vespero.




Ĉar estas jubilea jaro ni honoris du membrojn, temas pri Elsbeth kaj Werner.

Diru: Ĉu ili estis honorigitaj ĉar ili proponis niajn nomojn?






Ni deziras al HES ĉion bonon por la venontaj 100 jaroj.

ĜIS REVIDO!

100 Jaroj HES

---

**aliĝu al la Hamburga Vintro**

## Nia programo

| Oktobro 2004 | Novembro 2004 |
|---|---|
| **7** Video-taetraĵo:<br>**La graveco de la Fideliĝo**<br>(1a parto)<br><br>**9 14-20 h: komencanta kurso**<br><br>**14** Video: **2a parto** de la taetraĵo laŭ O. Wilde<br><br>**21** *Sylwia Pöhlmann* kaj *Gerald Roemer*:<br>**Szczecin kaj Pomerio**<br><br>**28 18 h: estrarkunsido**<br>**20 h: Preparado de la Hamburga Vintro**<br><br>**30 14-20 h: komencanta kurso** | **4** Raporto pri la FAME-premio 2004:<br>**Kajto** (*W. Bormann* kaj *R. Glomp*)<br><br>**11** *Benno Klehr*:<br>**Lingvaj Ludoj**<br><br>**18** *Elsbeth Wielgus*:<br>**Mia Esperanto-vivo**<br><br>**20 14-20 h: komencanta kurso**<br><br>**25** *Jürgen Wulff*:<br>**Komparo de angla kaj E-kurso sur KD** |

Re al Esperanto en Hamburg